# Nia nova ĉefkomitatano

S-ro Jindřich Tomíšek naskiĝis en la jaro 1939. Ĉe ČD li laboras de 1959, nun kiel trajntrafikestro en fervoja stacio Řikovice apud fervoj nodo Přerov.

Li esperantistiĝis en 1957. Mezan E-ekzamenon, li faris eminente ĉe d-ro Szerdahelyi en Hungario en 1968. Ekde 1969 li aktivas en Ĉeĥa L.A de IFEF ; ekde 1982 li partoprenis ĉiujn IFEF kongresojn krom 1983 en Oostende kaj 1985 en Vejle, kien la komunisma reĝimo ne permesis al li veturi. De 1984 li estas komitatano de IFEF, prezidanto de FS ĈEA ekde 1985 kaj anstataŭanto de Ĉkn ekde majo 1997.

Li ofte kontribuas al IF kaj aliaj precipe fervojistaj gazetoj. Li estas UEA-D kaj FD (fervojoj) en Přerov.

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

## Fervojmodela parado

Oni prezentis pli ol cent modelojn, enlandajn kaj eksterlandajn, en la halo Petőfi en Budapeŝto. Okazis la plej altnivela modeleksponzicio, el inter ili tiuj, kiuj estis organizitaj dum la lastaj kelkaj jaroj. Interesatoj povos viziti la ekspozicion ĝis la mezo de oktobro.

Tibor Kristály

**Frontpaĝo :**
**Novaj ĉefkomitatano : Jindřih Tomíšek**
**Anstataŭanto : Magdalena Feifiĉová**
*Fotis : Karen Olsen*

**Enhavo**




# 51a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

## 8a-15a de majo 1999 en Le Mans Francio

Adreso : 51a IFEF-kongreso
U.A.I.C.F.
7 rue du Château-Landon
FR-75 010 Paris

Poŝtĝirokonto :
*Nomo* : **Ass française des cheminots pour l'espéranto**
*Numero* :**5214 - 35H** *Centro* : **Paris** *Indiko dorse* : **51a IFK en Le Mans**

## LKK Komuniko n-ro 2 pri 51a IFK

**Situacio**

Nia kongresejo situas 5mn piede de la stacidomo kaj de tiu kongresejo piede ni bezonas :
- 1 mn por iri ĝis la tristela hotelo "Chantecler" (kategorio A) Tel-numero : 02 43 24 58 53
- 5 mn por iri al ĉiu dustela hotelo
  "Climat" apud la stacidomo. Tel-numero :02 43 85 49 00
  "Videotel" apud la urbocentro. Tel-numero : 02 43 24 47 24
- 15mn por iri ĝis la junulgastejo situanta apud la urbocentro (atingebla per urba aŭtobuso)

Alia junulgastejo estas atingebla nur pere de urba aŭtobuso (servo je ĉiuj dudek minutoj de 6h00 ĝis 21H00 kaj poste ĉiuhore ĝis 0H00).

**Kongreskotizoj**

*Ili validas ĝis 31.021.1999*

| | |
|---|---|
| IFEF-membro : | 300 FRF |
| Familiano ĝis 20j | 150 FRF |
| Ne IFEF-membro | 400 FRF |
| Simpatianto | 100 FRF |

**Ekskursoj / vizitoj**

Gvidata vizito en Le Mans (09/05)
Kastelo "Le Lude" (10/05)
Pot-farejo kaj abat-monaĥejo en Solesmes (11/05)
Rajdarta lernejo, kastelo, vinkelo en Saumur (12/05)
Veturado per malnova turisma trajno (13/05)

**Postkongreso en Colleville sur Mer** (15a/18a 05.1999)

La partoprenantoj povos viziti diversajn lokojn de normanda regiono; ĉefe :
- la urbojn Cabourg, Houlgate, Deauville, Honfleur, kaj la novkonstruitan normandan ponton, (15/05)
- la urbojn Villedieu-les-Poêles, Avranches kaj la famkonatan monton"sankta Mikaelo" (16/05)
- la unuan fiŝhavenon de normandio "Port en Bessin" kaj farmobienon inkludante gustumadon de cidro kaj alkoolaĵo "Calvados" (17/05).

Prezo: 1 600 FRF

# La abat-monaĥejo de Solesmes

*Vizito de la 11a de majo 1999 dum la 51a IFK en Le Mans*

La historio de la monaĥejo vidiĝas per la sinsekvo de la konstruaĵoj. Fondita komence de la 11-a jarcento, dum pli ol ok jarcentoj ĝi gastigis nur de kvin ĝis dek benediktanojn ; la franca revolucio forpelis ilin en 1790. Ĝi renaskiĝis en 1833 sub la impulso de la abato : Dom Guéranger ; kaj la modesta priorejo baldaŭ iĝos abat-monaĥejo kun pli ol cent religiuloj. Tiu renoviĝo postulis imponajn konstruaĵojn.



Denove en 1901 leĝo proponis al la monaĥoj elekti inter la forpelo kaj la malapero. Ili elmigris en Anglion kaj konstruigis novan monaĥejon. Kaj, 20 jarojn poste, ili revenis en Solesmes. Pro tio, la monaĥejo ankoraŭ ne estas finita.

Dum tiu forpelo, kiel dum la reiro, ili estis sekvitaj de la monaĥinoj. Ĉar, en Solesmes, sub la nomo Sankta-Cecilia ekzistas dua monaĥejo por la virinoj.

Solesmes famas en la tuta mondo pro la gregoria ĉanto. Dom Guéranger estis fidela al Romo, dume en Francio ekzistis en la Eklezio, tendencoj pli aŭtonomaj. Pro tio, la ĉanto estas en la latina, la lingvo de la papo. Pro la disigo dum la Revolucio, la parola tradicio perdiĝis, kaj necesis rekrei la ĉanton dum la 19-a jarcento. La laboroj necesaj por reveni al granda simpleco estis konsiderendaj. Monaĥoj unue kopiis, poste fotis ĉiujn ĉanto-manuskriptojn, kiujn ili trovis. Ekde tiu granda dokumentaro konservita en la ateliero "Muzika paleografio" de Solesmes, monaĥaj teamoj konstante laboris. La tuto de la ĉanto-libroj realigitaj de la monaĥoj de Solesmes, ekde Dom Béranger, reprezentas preskaŭ 1000 titolojn.

La ordeno estis fondita de sankta Benedikto, kaj liaj reguloj adoptitaj en 817 en ĉiuj monaĥejoj de okcidenta Eŭropo. En la tempo de sankta Benedikto, monaĥoj vivis solaj : ermitoj, aŭ en komunumoj : cenobitoj. Li mem praktikis la du vivmanierojn. Ĉar li, junulo, komencis vivon ermitan kaj preskaŭ cedis al la tento, li konsilis en sia regularo la vivon en komunumo, en la obeo al superulo kun la helpo de la fratoj.

En Solesmes la tuta komunumo elektas sian abaton. La daŭro de la mandato ne estas limigita, la abato povas plenumi sian taskon dumvive.

En Sankta-Petro de Solesmes ekzistas metiejoj de mekaniko, lignaĵarto, bindarto, ŝuriparo, fabrikado de vestoj ; legom- kaj frukt-ĝardenoj, farmo, abelujaro ; ĉe la monaĥinoj de Sankta-Cecila oni fabrikas liturgiajn vestojn kaj ikonojn, disvendas ovojn. La abato donas laboron al ĉiu, laŭ liaj eblecoj. Notinde en Solesmes, la disvendo de libroj, diskoj, kasedoj pri gregoria ĉanto.

# PROTOKOLO DE LA PUBLIKA PLEN-KUNSIDO

en la 50a IFEF-kongreso en Aalborg (DK) -19.05.1998.

Mallongigoj : Pr = prezidanto, Vp = vicpr, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, Hp = Honora Prezidanto, Hm = Honora Membro, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, l.s. = landa sekcio, l.a. = l. asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166).

**1. Malfermo, konstato mandatoj**

La tuta e-o ĉeestas. La Pr salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn.
La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn :

| LANDO | KODO | KOMITATANO | |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Ernst | QUIETENSKY |
| Aŭstrio | AT | Friedrich | TSCHOM |
| Belgio | BE | Lucien | DE SUTTER |
| Britio | GB | Ne ekzistas | formale organizita l.a. |
| Bulgario | BG | Vesselka | KAMBUROVA |
| Ĉeĥio | CZ | Jindřich | TOMÍŠEK |
| Ĉinio | CN | Minge | ZHU |
| Danio | DK | E. Henning | OLSEN |
| Estonio | EE | — | — |
| Francio | FR | Jean | ROLLAND |
| Francio | FR | Denise | HAPPY-FOSSO |
| Germanio | DE | Joachim | GIESSNER |
| Germanio | DE | Karl Heinz | MARZAHN |
| Hispanio | ES | — | — |
| Hungario | HU | Afonz | MORO |
| Italio | IT | Serio | BOSCHIN |
| Jugoslavio | YU | Gvozden | SREDIĈ |
| Kroatio | HR | Marica | BRLETIĈ |
| Nederlando | NL | Jan | BULTMAN |
| Norvegio | NO | Rolf | BERGH |
| Pollando | PL | Janina | WERESZKA |
| Rumanio | RO | Mihai | STEFAN |
| Slovakio | SK | Magdalena | FEIFIĈOVÁ |
| Slovenio | SI | — | — |
| Svisio | CH | Ernst | GLATTLI |

Ĉeestas 21 (laŭstatute 30) vocdonrajtaj k-anoj.

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj, k.s.**

La Sk legas la bondezirajn kaj la salutajn leterojn el gek-goj Jan kaj Lene Niemann (DK, Groenlando) Willi Brandemburg (DE), János PATAY (HU), malhelpataj partopreni pro diversaj kaŭzoj.

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de niaj mortintoj pri kiuj oni eksciis, ekde 05,1997 ĝis 05.1998.

| Lando | Antaŭnomo | Familianomo | Nasktago | Morttago | Aĝo | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Britio | William (Bill) | EDWARDS | 15/03/05 | 14/07/97 | 96 | |
| Francio | Arlette | ROBERT | 27/04/36 | 21/09/97 | 61 | |
| | Georgette | DEMOLLIENS | 1902 | 10/10/97 | 95 | |
| | Roger | MOTTO | 1910 | 07/11/97 | 87 | |
| | Jean | POISSON | | 07/01/98 | | |
| | Pierre | ESPERABE | 10/08/10 | 06/02/97 | 89 | |
| | Marcel | TERNANT | 1918 | 21/04/98 | 80 | |
| Germanio | Otto | PLISCH | | 01/08/97 | | |
| | Alfred | WOŁLBACHER | | 03/11/97 | | |
| | Wolfgang | MOHR | | 18/11/97 | | |
| Hispanio | José Luis | COLINA GAROÑA | 1932 | 03/01/98 | 66 | |
| | Carlos | VIRUMBRALES | C.1925 | 05/01/98 | 73 | |
| Hungario | Andrés | GARAMVÖLGYI | | | 93 | |
| | Edit | DOMBÖVÁRI | | | | |
| Italio | Ampelio | DURASTANTE | 1923 | 02/10/97 | 74 | |
| | Celso | CORRADI | | 04/1998 | | |
| Jugoslavio | Milica | HRNĈIĈ | 05/09/24 | 21/07/97 | 73 | Iama JAFE-Pr |
| | Borko | NIKOLIĈ | 19/11/11 | 31/12/97 | 86 | |
| | Ranko | BLAGOJEVIĈ | 1946 | 1998 | 52 | |
| Kroatio | Nikolaj | KIZEM | 13/04/05 | 30/07/97 | 67 | |
| Svisio | Hans | BIPP | 21/05/13 | 04/11/97 | 84 | Iama SAFE-Pr |

Oni honore memorigas ilin per unuminuta silenta starigado. Ke ili ripozu pace.

**4. Raportoj estraraj**

**4.1. Sekretario** (IF 3/98, paĝoj 37a-38a)

Unuanime aprobita, kun la korektoj al la punkto 4.2. e), kiu tekstu :

e) Okazis interesaj ekskursoj: unu duontaga de Koŝice laŭ Ĉermel-valo per historia trajno kaj unu tuttaga al Bardejov kaj banloko Bardejovské Küpele.

**4.2. Redaktoro** (IF 2/98, paĝo 20a)

Unuanime aprobita.

**4.3. Kasisto** (kasraporto/bilanco 1997, IF 2/98, paĝo 21a)

Unnanime aprobita..

**5. Protokolo Koŝice (SL)** (IF 5/97, paĝoj 68a-2a)

Unuanime aprobita.

**6. Kongrespropono**

**6.1. Elekto Estraranoj**

La Pr prezentas la kongresproponon de la Ĉk por la estrarelekto (IF 1/98, paĝo 5a). Rekandidatiĝas la samaj e-anoj por la taskoj Vp kaj Ks. Laŭregule la kvin kandidatoj forlasas la salonon.

Elektokomisiono, sub la gvido de la eks-Ĉk kaj de la k-go Tomišek, okazigas la balotojn. La rezultoj estas jenaj :

| TASKO | KANDIDATOJ | POR | SINDETENO | KONTRAŬ |
|---|---|---|---|---|
| Pr | Romano BOLOGNESI | 21 | | |
| VD | István GULYÁS | 20 | 1 | |
| Sk | Ernst QUIETENSKY | 21 | | |
| Ks | Henning HAUGE | 21 | | |
| Rd | Jean RIPOCHE | 21 | | |

La k-o enirigas la novelektitojn kaj la asembleo gratule varme aplaŭdas ilian enoficigon.
La novaj Pr kaj Sk ekde nun respektive gvidos kaj protokolos la laborojn.
Sekve de tio estas mallonga ceremonio, dum kiu Vp Gulyás memorigas iujn inter la nenombreblaj meritoj de s-ino Erna Hauge, ĉefe en la grava eldonlaboro de IFEF, kaj Pr Bolognesi, nome de nia Federacio, kun la aprobo de la k-o, honorigas ŝin per la ora insigno "Honora Membro de IFEF".
Tuj sekve la Pr mencias pri la multegaj meritoj de s-ro Per Engen, ĉefe por la laboro en la e-o jam kiel Vp kaj ĝis nun kiel Pr. Kun la aprobo de la k-o, Pr Bolognesi distingas lin kiel "Honora Prezidanto de IFEF". Ambaŭ ricevas ankaŭ diplomon kaj memorigan arĝentan kadron.

**6.2. Elekto Ĉefkomitatano kaj anstataŭanto**

Estas kazo aparta, en kiu la antaŭa Ĉk elektiĝis Rd. Konsekvence, la ĝisnuna anstataŭanto, k-go Jindřich Tomišek (CZ), sin deklaris preta fariĝi nova Ĉk. Oni trovis ankaŭ novan anstataŭanton; prezentiĝis s-ino Magdalena Feifiĉovà (SK). Kvankam koncerne la unuan ne necesis voĉdono, la Pr tamen proponis al la -k-o oficialigi la situacion kaj invitis al sinesprimo.
La rezulto pri ambaŭ estis favora :
19 por, 1 sindeteno, 1 kontraŭ,
kaj la asembleo varme aplaŭdis ambaŭ.
K-ano Lucien de Sutter interpretis sian kontraŭvoĉon per la jam menciita fakto, ke ne necesis voĉdoni.

7. **Raporto Ĉefkomitatano**

Eks-Ĉk Jean Ripoche (FR) raportis pri la pasinta agadperiodo menciante, ke li transprenis la taskon nur ekde la lasta kongreso en Košice kaj dankis la antaŭan Ĉk Lucien de Sutter por la subteno, kiu ebligis al li daŭrigon de glata laboro. Li informis ke preskaŭ ĉiuj l.a. respondis al la cirkulero. Li gaste partoprenis en la estrarkunvenoj en Budapeŝto (HU) kaj Plan (IT).Li adaptis la skemon de la demandilo de la landaj jarraportoj laŭ la sinsekvo de nia statuto, kiu faciligas rilati inter la demandoj de la jarraportoj kaj la diversaj punktoj de la statuto.
Tuj post la kongreso necesas ĝisdatigi la adresojn de la IFEF-funkciuloj en la nova adresaro. Unuanime aprobita.

*(Sekvo en la venonta IF)*

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj

Surbaze de la demandiloj la landaj asocioj preparis kaj sendis sian jarraporton pri la jaro 1997. La resuma jarraporto ne estas kompleta ĉar Bulgario, Estonio, kaj Svedio - malgraŭ la skriba atentiga alvoko - ne sendis raporton. Pro tio mi uzas la pasintjarajn indikojn de la tri landoj.

*1. La landaj asocioj*

La landaj asocioj nombras 3 750 membrojn, 331 membrojn malpli ol en la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 1185 IFEF-membroj, ĝi montras malkreskon de 150 membroj. Mi supozas, ke tiuj indikoj ne estas precizaj en la jarraportoj, ja ili ne egalas la indikojn de IFEF. Mi preferas tion, ĉar tio baziĝas sur la enpagitaj membrokotizoj. Estas interese plu analizi la membro-nombron de IFEF ĉar IFEF registris en

1992 : 1852 membrojn
1993 : 1787 / 65 membrojn malpli ol en 1992
1994 : 1666 / 121 membrojn malpli ol en 1993
1995 : 1669 / 3 membrojn pli ol en 1994
1996 : 1517 / 152 membrojn malpli ol en 1995
1997 : 1461 / 56 membrojn malpli ol en 1996.

Tiuj statistikaj ciferoj alvokas nian atenton el kiuj ni devas konkludi, ke ni nepre devas krei planon, konkretajn taskojn por plibonigi la situacion, plifirmigi nian movadon. La nombro de la emeritoj inter la IFEF-membraro stagnas. Tio estas preskaŭ 70 %-j.

Ĉiu landa asocio havas estraron, kies nombro varias inter du kaj dek.
La landaj asocioj entute havas 107 grupojn, 3 grupojn malpli ol en la antaŭa jaro.

*2. Plenumo de la komitato-decidoj.*

Naŭ landaj asocioj raportas pri la efektivigo de la decidoj de la komitato. Kvin landoj skribis, ke ili nur parte sukcesis efektivigi tiujn decidojn, ĉar "mankas la aktivaj kunlaborantoj". Ok landaj asocioj aŭ ne respondis pri tiu temo, aŭ simple skribis "ne". Tiuj respondoj estas malfacile kompreneblaj ; ja la komitato konsistas el la deputitoj de la landaj asocioj, kaj la komitatanoj komune decidis la taskojn.

*3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.*

Germanio, Japanio, Nederlando kaj Svedio ne havas rilatojn al la fervojaj administracioj, kaj ili ankaŭ ne ricevas financan aŭ alian helpon de la fervojo. Bulgario, Ĉeĥio, Hispanio, Pollando kaj Slovenio ne ricevas financan apogon, sed alian helpon - ekz-e senpagajn biletojn por veturi al kongresoj aŭ al aliaj kunvenoj, ejon por kunveni, senpagan ekspedon de la poŝtaĵoj ktp - flue ricevas.

La klarigoj de la oficialaj horarlibroj aperas ankaŭ en esperanto nur en Danio, Hungario, Jugoslavio, Rumanio kaj Slovakio. En Ĉeĥio, Italio kaj Pollando jam aperis en la pasintaj jaroj esperanto-klarigoj en horarlibroj, kaj ili klopodas reenkonduki tion. Eĉ intertempe la Ĉeĥoj anoncis, ke en la nova horarlibro por 1998/1999 jam aperis la esperanto-teksto. En kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj povas aperigi la esperanto-tekston en la horarlibro, sed ĝis nun ankoraŭ ne sukcesis.

Dekunu landaj asocioj havas rilaton kun la landaj fervojistaj sindikatoj kaj en ses landoj ricevas la fervojistaj esperantistoj apogon de la sindikatoj.

Laŭ la raportoj, 15 landaj asocioj havas bonajn rilatojn al la FISAIC-organizaĵoj, ĉefe en Aŭstrio, Belgio, Francio, Germanio, Hungario kaj Nederlando. El ili 11 landaj asocioj ricevas financajn kaj aliajn subtenojn de la landaj FISAIC-organizaĵoj. Eĉ en Belgio, Danio, Francio, Hungario, Rumanio kaj Slovakio la fervojistaj esperantistoj havas oficojn en la

FISAIC-organizaĵo.

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havas rilaton kun aliaj fervojistaj kaj nefervojistaj organizaĵoj.

*4. Organizado de jarkunvenoj*

Deksep landaj asocioj aranĝis jarkunsidojn en 1997, entute 600 fervojistoj partoprenis tion. Inter ili ĉeestis en Rumanio 120, en Jugoslavio 100, en Hungario 81, en Francio 76, en Germanio 13, en Kroatio 32 kaj en Ĉeĥio 30 partoprenantoj. Dum sep jarkunvenoj partoprenis eksterlandanoj, entute 54 personoj. En la kadro de la jarkunvenoj, oni faris multe da fakprelegoj, ekskursoj kaj aliaj prezentadoj.

Ĉiuj landaj asocioj - escepte Italio kaj Nederlando - planas aranĝi jarkunvenon en la jaro 1998.

*5. Organizado de komunaj aranĝoj kun aliaj asocioj.*

En ok landoj aranĝis la fervojistaj esperantistoj komunajn aranĝojn kun aliaj asocioj. Inter ili Aŭstroj kunlaboris por aranĝoj de landa asocio de UEA, de la Internacia Esperanto-muzeo, de Trilanda Renkontiĝo Alp-Adrio ; la Ĉeĥoj organizis komunajn aranĝojn kun la landa asocio de IKUE, kun Asocio de Esperanto-Handikapuloj ; la Ĉinoj kunlaboris kun Interna Mongolia Esperanto-Asocio, kun Tianjin kaj Sanmimg Esperanto-Asocioj ; la Hispanoj kunlaboris en la organizado de la kvina Internacia Esperanto-Semajno pri Kulturo kaj Turismo; la Kroatoj faris komunajn aranĝojn kun la urbaj Esperanto-Societoj kaj la landa asocio de UEA okaze de zamenhofa tago ; la Norvegoj aranĝis pli ol 60 kunvenojn en la urboj Hamar kaj Sarpsborg kun la lokaj kluboj de Norvega Esperantista Ligo ; la Slovenoj faris kelkajn aranĝojn kaj prelegojn kun la urbaj Esperanto-Societoj.

*6 Interrilatoj kun Esperanto-organizo.*

Deksep landaj asocioj havas rilaton kun UEA pere de siaj landaj esperanto-asocioj. Kvar landoj interrilatas kun la landaj grupoj de SAT.

Dektri landaj asocioj havas bonajn kontaktojn ekz-e kun najbaraj IFEF-asocioj, Esperanto-Institutoj, Esperanto-Muzeoj, Esperanto-Bibliotekoj, ILEI, IKUE, KELI, MEM, UMEA, IPTEA ktp.

Laŭ la raportoj 15 landaj asocioj havas entute 59 fakdelegitojn de UEA pri fervojo.

*7. Informado en la plej vasta senco.*

Laŭ la raportoj 11 landaj asocioj kolektis gravajn informojn kaj sendis ilin al IFEF.

En 13 landoj oni nomumis respondeculon, kiu provizas per aktualaĵoj la redaktoron de nia revuo "Internacia Fervojisto".

Preskaŭ ĉiu landa asocio raportas pri la apero de la artikoloj en diversaj tagaj kaj semajnaj gazetoj kaj ĵurnaloj.

Dekkvar landaj asocioj raportas pri la dissendo de priesperanta informomaterialo, unufoliaj, plurfoliaj materialoj kaj afiŝoj. La materialojn oni dissendis ĉefe al deĵorejoj, al vizitantoj okaze de ekspozicioj, al la institutoj, bibliotekoj kaj vojaĝagentejoj. Multaj landoj skribas pri la informado en la deĵorejoj per informkestoj, murgazetoj, prezentadoj ktp...

En 8 landaj asocioj aranĝis la fervojistaj esperantistoj ekspoziciojn, entute 20 lokojn, kiujn vizitis pli ol dekmil interesiĝantoj, la plej multe en Francio kaj Germanio.

Pli ol 50 fakprelegoj okazis en 12 landoj pri fervojaj aŭ IFEF-aj aferoj, plejparte pri la fervojaj novaĵoj, ekskursoj, ktp...

Dekunu landaj asocioj raportas pri la prezentaĵoj, sciigoj kaj intervjuoj en radio-programoj kaj televidoj ekz-e en Slovakio dum IFES, tri TV stacioj prezentis raportojn kaj intervjuojn kun tri partoprenantoj, almenaŭ tri radio-stacioj raportis pri la aranĝo, unu el ili eĉ trifoje ; en Slovakio dum la 19-a IFEF-kongreso la landa televido faris raporton ; en Aŭstrio la radio aŭstria internacia kelkfoje donis sciigojn kaj raportojn pri la aŭstra fervojista movado.

*8. Varbado....*

En la jaro 1997, nur du landaj asocioj sukcesis plialtigi la membro-nombron: Slovenio 4 personojn kaj Ĉeĥio unu personon. La ceteraj landoj plendas pri la

malpliiĝo de la membro-nombro. Tiu malpliiĝo de la membro-nombro de IFEF kaj la nombroj de la emeritoj montras al ni, ke ĉiu landa asocio havas problemojn en la esperanto-movado, kaj ne venas la junuloj al IFEF.

En dekses landoj, oni faris memstaran lingvokurson, entute 51 kursojn. La nombro de la kursanoj entute estis 350. Koncerne la kursojn, elstaris Francio, Hungario kaj Rumanio kun pli ol 50 kursanoj.

Ĉinio, Hungario kaj Slovenio raportas pri la zorgado de la instruado en faklernejoj.

*(Sekvo en la venonta I.F.)*

# Pola pormuzea fervojo

En Pollando ankoraŭ ekzistas kelkaj etŝpuraj fervojlinioj por transporto de sukerbetoj al sukerfabrikoj kaj prilaboritaj produktoj reen.

Inter linioj, kie oni antaŭ nelonge finis trafikon de la sukerbeto-trajnoj, estas ankaŭ nuntempe jam konata linio Znin - Gasawa. La menciita linio trovis novan uzon por ekspluatado de trajnoj, tirataj de la vapora lokomotivo Px 38-805 kaj transportantaj vizitantojn al kelkaj muzeoj kaj monumentoj, situantaj en proksimeco de la linio. Oni eĉ establis fervojan muzeon en la stacio Wenecja, kien oni alveturigis diversajn etŝpurajn lokomotivojn el diversaj partoj de Pollando.



La muzeon oni iom post iom kompletigis kaj plivastigis, por ke en 1998 okaze de ekspozicio aranĝita subĉiele, oni povu prezenti pliajn lokomotivojn, vagonojn kaj aliajn trakciilojn, maŝinojn kaj instalaĵojn, savitajn el "weskotorowek" (etŝpuraj fervojoj).

La muzeo estas vizitebla ĉiutage krom lunde de aprilo ĝis fino de septembro. Enirpago 3 zlotoj.

Fotografaĵo montras vaporan lokomotivon Px 38-805 en stacio Znin-wask., de kie ekveturas trajnoj sur pormuzea linio al Gasawa. La etŝpura stacio troviĝas vidalvide al la stacio de PKP.

Jindřich Tomíšek

# Faka komisiono de IFEF

Raporto pri la agado de Fake Aplika Sekcio de FK IFEF en periodo1997/1998.

*1. Internaj aferoj.*

Komence mi volas saluti sincere ĉiujn kaj deziri al vi fruktodonan kongresan laboron kaj agrablan restadon en Aalborg. Kaŭze de deĵoraj kialoj, mi ne povas partopreni la nunjaran jubilean kongreson. S-ro Tomíšek, post interkonsento, transprenis la taskon gvidi la fake-aplikajn kunvenojn anstataŭ mi. Mi danhas lin.

Post la kongreso de IFEF en Košice en la jaro 1997 estis kompilita raporto pri la fakaj kunvenoj dediĉitaj al fake-aplikaj aferoj. Dum la faka programo ne aperis iu kritiko. La prezentitaj kontribuaĵoj estis aktualaj kaj interesaj.

Dum preparo de faka programo por la jubilea kongreso venis al sekretario du kontribuaĵoj. Unu de s-ro Glättli kaj la dua de s-ro Tomíšek. Krom tiuj du prelegetoj venis ankaŭ teksto kun la ĉefa prelego de s-ro Olsen.

Al ĉiuj mi dankas pro ilia afableco. Mi kredas, ke harmonie kun rezulto de pasintjara faka komisiono aliĝos prelegantoj nun dum la kongreso kun vere aktualaj kontribuaĵoj -lau s-ro Sredić - fakaj komunikaĵoj.

*2. Fervojfakaj kajeroj.*

Por la nunjara numero de FK, la sepa en la vico, estis preparitaj 5 artikoloj:

E. Glättli : Rulantaj elektrocentraloj

J. Niemann - Brunel: Distingoj al danaj Ŝtatfervojoj

L. Kovář : Modernaj informsistemoj por vojaĝantoj

J. Halasz : La plej nova hungara fervojlinio estas projektata

G. Sredić : Grandrapidaj fervojaj linioj en Balkanio

La ĉijara numero aperis denove dank'al s-ino Hauge, kiu tajpis la tekston kaj prizorgis ĝian eldonon, kaj s-ro Werner, kiu reviziis ĝin.

*3. Faka programo dum IFEF kongreso.*

Por la nunjara jubilea kongreso preparis organizantoj, nome s-ro Olsen, fakan prelegon kun temo "La firma konekso trans Sundo". La prelego prezentas grandiozan projekton de fervoja kaj ŝosea kunligo de la dana kaj sveda bordoj.

Aparte okazos ankaŭ prelego de Joachim Giessner pri la IFEF-kongresoj dum 50 jaroj marde je 17a horo.Bonvolu partopreni kaj rememori kune pri niaj 50 IFK.

Por la programpunkto "Fakaj Aktualaĵoj" anoncis sian prelegeton ĝis nun :

E. Glättli : La nova duetaĝa "InterCity"-navettrajno de la Svisaj Federaciaj Fervojoj (SFF)

J. Tomíšek : Incendio en Eŭrotunelo

Antaŭ komenco de la ĉi tiu kunveno anoncis sin ankoraŭ:

Bodo Ehrlich: mondekspozicio Expo 2000 en la germana urbo Hannover kaj fervojaj projektoj

Henning Olsen : La metroo en Kopenhago

Jindřich Tomíšek : Novaj trajnunuoj por la praga metroo

Heinz Hoffman : Konciza historio de terminara laboro ĉe IFEF

Jindřich Tomíšek : Provfunkciigo de la novaj tramoj en Cerhenice

Magdalena Feifičová : Mallarĝŝpura fervojo en la regiono Ĉierny Hron

Jindřich Tomíšek : Laŭ la spuroj de la ĉevaltrakcia fervojo Budweis-Linz

Zhu Ming-he : Historio kaj nova kontribuo de la Ĉina Fervojo

Ekster la programo vi eventuale spektos videobendon de la ĉeĥa televido pri la katastrofaj inundoj en Olomouc kaj ĉirkaŭa regiono en germana versio kun resumo en esperanto.

Inĝ.L. Kovář

Aldonoj : Jindřich Tomíšek

*(Aliaj prelego-resumoj aperos en venontaj IF)*

# Fervojpontoj kaj famkonata turisma fervolinio en Norvegio

Trans riveretoj oni konstruis la unuajn fervojpontojn, tra kiuj iris la unua fervojo en Norvegio inter "Christiania" nun Oslo kaj "Eidsvold" inaŭgurita 01/09/1854.
Kiel ili, ankaŭ pli malfruaj fervojpontoj estis konstuitaj el ligna materialo, cetere sufiĉe solidaj por tiutempaj lokomotivoj.
Oni starigis ankaŭ viaduktojn. Poste, kelkaj el ili, kaj kelkaj pontoj estis faritaj el fera materialo.
Iom post iom, oni kreis ankaŭ ŝtonarkaĵpontoj. Kelkaj estas elegantaj ekzemploj pri eminenta inĝenierarto, kun bonega pontokonstruado kaj eminenta manmetio, kiuj en la estonteco ĝojigos nin kaj niajn posteulojn.
Same eminentaj estas la ĉarpentistoj, kiuj konstruis la provizorajn skafaldojn por lokigi la ŝtonojn.
Bonega ekzemplo pri ŝtonarka ponto estas la famkonata "Kylling bru" , konstruita en 1923, sur la fervojo "Raumabanen". Ĉi tiu, ankaŭ vera turisma fervojo, 114 km-ojn longa, iras okcidenten kaj malsupren de "Dombàs stacio" situata 659 metrojn super la maro inter Oslo kaj Trondhejmo al "Andalsnes" ĉe la marbordo.



*Rapida trajno trapasanta la famkonatan ponton "Kylling bru"*

La fervojo iras unue tra tipaj montarkamparoj kaj poste malsupren, en kruta tereno kun alpsimilaj montarregionoj, laŭ ambaŭ flankoj de la valo en multaj akraj kurboj. En unu loko ĝi turniĝas 180 gradojn malsupren en 1340 metrojn longa tunelo kaj eliras el ĝi en mala direkto tute sub tiu loko, kie ĝi eniris la tunelon. Ĉi tie oni ĝuas fantazian elvidaĵon malsupren laŭ la valo, kaj 380 metrojn alta akvofalo ĝis la fervojo fluas en turnotunelon el kiu ĝi denove iras en la ĝusta direkto, kaj nun oni trapasas "Kylling ponto" situantan 60 metrojn super la torentega rivero "Rauma" : vidu la bildon ! Dum la lasta parto de la vojaĝo, oni vidas altegajn montojn kaj akvofalojn de la glaciejoj.

Odd Kolbrek

# Trajnunuo X2000 al Ĉinio

Por dujara prezenta programo sur ĉinaj fervojoj, la 14-an de januaro 1998, el la entrepreno Adtranz de la sveda Västeras, oni forsendis la sepvagonan ekspresan elektran trajnunuon X 2000 kun kliniĝ-vagonkestoj. La kontrakto inter kompanio Adtranz kaj la duonaŭtonoma fervoja administracio Guangshen Railway Corporation estis subskribita en novembro 1996 dum vizito de la sveda ĉefministro Göran Persson en Ĉinio. Tiu ĉi ekspresa trajnunuo trafikos sur fervoja linio inter Guangchou kaj la haveno Kowloon (iama Hong Kong). La trajnunuo estas modifita por alternkurenta trakciado de la sistemo 25 kV 50 Hz, sed la rekta kunligo estos komencita nur post finelektrizado de la liniosekcio inter Guangzhou kaj la urbo Lo Wu sur la iama ĉina-hongkonga landlimo, tio, kio iomete malfruis. Ĉinio tiamaniere fariĝos post Usono, Kanado kaj Aŭstralio la kvara ekster-eŭropa lando, kie la trajnunoj X 2 000 funkcios.



La speciala rapida trajnunuo X 2000 kun kliniĝantaj vagonkestoj jam dum kelkaj jaroj kunligas la svedan ĉefurbon Stokholmo (sur la foto) kun Göteborg kaj aliaj urboj.

Jindřich Tomíŝek

## *Fervoja Pensia Kaso*

La hungaraj fervojistoj fondis la longnoman "*Fervoja Memvola Reciproka Kompletiga Pensia Kaso-n*". Ĉi tie mi uzas nur Pensia Kaso-n. La Pensia Kaso estis fondita en aŭtuno 1995. Oni aranĝis la II-an deputitan kunvenon la 27an de marto 1997.

Kaj la protokolo kaj la eldiritaj informoj de la prezidanto de la direkcio montris bonan rezulton en la jaro 1996. La sukceso montras konfidon al la kaso inter kolegoj fervojistaj. Ĉi tion montras ankaŭ la rapida membriĝo. Je la jarfino de 1995 - kelkajn monatojn post la fondiĝo - la membraro kalkulis nur 300. Je la jarkomenco de 1996 la nombro jam atingis 8000 personojn. Nuntempe ni povas kalkuli jam 13.975 membrojn. La pasintjara enspezo estis 241.750.000 forintoj. Por la jaro 1997 oni antaŭkalkulis 15 mil membrojn. Laŭ la ĉijara salajroaltigo de MÁV, kiu estos 18%, oni kalkulas enspezon 411.603.000 forintojn.

Kristály Tibor

# ILUSTRITA KVINLINGVA TERMINARO DE KOMBINITA TRANSPORTO

*La pasintan jaron, Magistro Gvozden Sredić tradukis trilingvan terminaron de kombinita trafiko al esperanto kaj serba lingvo. Reviziis kolegoj Sekereŝ kaj Hoffman.*
*Jen la komentario de Inĝeniero Ludoviko Sekereŝ.*

La komunikado, en senco de lokoŝanĝoj de homoj kaj varoj ludis ĉiam gravan rolon tra la historio de la homaro. Post la invento de la vapormaŝino, la industria revolucio alportis anstataŭon de homa kaj besta fortoj en multaj kampoj de homa aktiveco. Preskaŭ tutan jarcenton poste, per vaporŝipoj estis anstataŭita la forto de la vento kaj vaste utiligataj la maroj kaj riveroj por transportado. Sekvis la vaporlokomotivoj, la aŭtomobiloj, la aviadiloj.

Sed ĉiuj tiuj trafikiloj, kun pli-malpli grandaj fortoj kaj kapacitoj, evoluis aparte, sendepende unu de la alia. Apenaŭ iam meze de ĉi tiu jarcento la interesigitaj transportantoj kaj transportistoj rekonis la bezonon por raciigi la transportojn ne nur en kadro de unu transportsistemo, sed ankaŭ per kombino de pluraj transportiloj. La rapida, sekura kaj malmultekosta kargado, transportado, transkargado kaj liverado de varoj fariĝis gravaj raciigelementoj. De kazo al kazo de kombinita transporto, oni inventadis diversajn transportrimedojn, transportunuojn kaj instalaĵojn, kiuj en nunaj jaroj ĝisvivadas sian enorman ekspansion. Per nomigo de ĉi supraj inventaĵoj venis je vico, ankaŭ la origina senco de komunikado, la reciproka interkompreniĝo. Oni kreis la novajn nociojn, difinis, priskribis kaj skizis ilin. Per ilia harmoniigo kaj standardigo kreiĝis la terminologio por kombinita transporto.

La internacia organizo CEMT (Eŭropa Konferenco de Ministroj por Transporto) kompilis tian terminaron en tri laborlingvoj (franca, angla kaj germana), tuj post ĝia apero kelkaj membroj de la Terminara Komisiono ĉe IFEF (Internacia Federacio de Esperantistoj Fervojistaj) klopodis traduki la nociojn kaj difintekstojn al Internacia Lingvo Esperanto. Ĉar la iniciato venis el Jugoslavio, la traduko okazis samtempe ankaŭ al serba lingvo. Kaj jen, dank' al du eldonantoj (JUT - Jugoslavia Unuiĝo de Tarifistoj kaj JAFE-Jugoslavia Asocio de Fervojistoj, Esperantoj), dank' al firmao INTERCONTAINER / INTERFRIGO kaj al faka revuo INTERNATIONAL TRANSPORT, ambaŭ el Basel (Svislando ) kaj ne lastavice dank' al sindonemo de 20 en-kaj-eksterlandaj entreprenoj aperis la terminaro de kombinita transporto en kvin lingvoj. Preskaŭ ĉiuj terminoj de ĉi tiu 120 paĝa, proksimume A5 formata, terminaro estas konvene ilustrita.

Sendube, ĉiu ajn, kiu prenos en siajn manojn ĉi tiun verkon, malgraŭ kelkaj preseraroj, rekonos ĝian valoron, ĝian fakan kaj lingvan nivelon kaj espereble forte, ĝi levos la prestiĝon de esperanto en la okuloj de fakuloj kaj esperantistoj en la tuta mondo.

Inĝ Ludoviko Sekereŝ

*Mi pardonpetas pri la malfrua apero de IF 98.4. Por la unua numero farita ĉe nova presejo, la redaktoro kaj la presisto devas akordiĝi pri teknikaj aferoj. Ankoraŭ somera libertempo ne faciligis la aferon.*
*La redaktoro*

***Piedirado de Ĉinio al Roterdamo***

# LA SENPRECEDENTA FARADO

**Ĉinaj Esperantistoj pilgrimos al Roterdamo piede laŭ la fervojo dc Azio al Eŭropo**

*Raporto al IFEF Koncerne Turismo-pilgrimadon ĝis Roterdamo,Nederlando, tra ĉijarcento*

Ses / sep fervojistaj esperantistoj de Huanshi urba Esperanto Asocio, en Hubei provinco, Ĉinio, je la unua de januaro 1999, ekmarŝos de Lianyungang-urbo, Jiangsu-provinco en Ĉinio, ĉe la Flava Maro, la komenco-punkto de la Azio-Eŭropo Fervojo,. laŭ kiu ili okcidenten piediros ĝis Roterdamo en Nederlando.

La tutpiedvojo longas 11 000 km-ojn. Laŭplane, ili je aŭgusto 2000 atingos la centran oficejon de UEA.

Ilia piedirlinio en Ĉinio estas Lianyungang-urbo de Longhai- fervojoLanzhicu urbo, kaj de Lanzhou urbo ili marŝos al Urumqi de Xinjiang-a Ujgura Autonoma Regiono, kaj de tie al la Alasan-monta pasejo, kaj iros eksteren de Ĉinio. Poste ili transpasos 5 landojn :Kazakhstanon, Rusion, Bjelorusion, Pollandon, Germanion kaj ĝis Nederlando.

Marŝante 20 monatojn, la ĉinaj geturismo-pilgrimantoj piedvojaĝos tra multaj famaj urboj, kiel Semipalatuk, Bornaul, Novisibirsk, Omsk, Yekaterinburg, Kazan, Moskva, Smolensk, Minsk, Brest, Warszawa, Potsdam, Berlin kaj Roterdamo. La aktiveco estas nomata turismo-pilgrimado tra la jarcento, celante kreskigi despli eble la amikecon inter ĉinaj kaj alilandaj esperantistoj, fervojistaj esperanto-amantoj, popoloj, kaj plupaŝe disvastigi influon de Esperanto, kiel eble plej kontribuante al la dis volviĝo de la homara paco.

Ni, ĈFEA, esprimas pozitivan subtenon kaj zorge deziras, ke IFEF forte apogu kaj informu pri la aktiveco la alilandajn esperfato-rondojn aŭ fervojistajn asociojn.

Kaj ni dezirus, ke fervojistaj esperantistoj aŭ tiuj organizoj ĉe la irejo donu entuziasmajn kunhelpon kaj subtenon al la pilgrimuloj, ke fervojistaj esperantistaj responděculoj komuniku al ĈFEA siajn nomon, adreson, kaj telefonnumeron.

Anticipajn dankojn por viaj grandaj kunlaboro kaj apogo..

Adreso de ĈFEA :
Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio
Ĉambro 125 Huhhotta Fervoja Buroo
Norda strato Xilina






**INTERNACIA FERVOJISTO**
1998.5
50a eldonjaro

Dumonata fervojfaka
revuo en Esperanto
kaj organo de
Internacia Fervojista
Esperanto-Federacio.

**Redakcio :**
Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72 230 Arnage
Tel /Fakso +332 43 21 16 39

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO -FEDERACIO**
**Sekretario :**
Ernest Quietensky
Pappenheimgasse 70/3
AT/1110 Wien

**Kasisto**
Henning Hauge
Banegårdspladsen
DK-9700 Brønderslev
Tel +45 98 80 15 99
Fakso +45 98 80 25 99

**Danapoŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banagårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝĉekkonto
el eksterlando, aldonu
15 DKK por poŝtelspezoj)

**Dana bankkonto :**
3717 03 4856, Den Danske
Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto
aldonu 25 DKK por
bankelspezoj).

**Svisa bankkonto :**
471-02, Thurgauische
Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝĉekkonto :**
CH-85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladen 14,
DK-9700 Brønderslev

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo
julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Huerma 12 rue de Palestine
FR-75012 Paris
ISSN 1397-4270

# SNCF DEVAS ADAPTIĜI LAŬ LA POSTULO

Louis Gallois, SNCF-prezidanto, opinias ke la franca fervojo devas adaptiĝi speciale laŭ la postulo koncerne la frajton iom neglektitan de la jaro 1980.

La frajto proponas ŝancon al la fervojo, kondiĉe ke ĝia servo estu regula, informcela kaj bazita sur la konceptoj pri rezervitaj koridoroj aŭ almenaŭ prioritathavaj.

La ŝtatoj kaj kolektivumoj devas zorgi ankaŭ pri la egaleco inter fervojo kaj aŭtovojo kaj precipe praktiki investan politikon ĉefe pri la transporto fervoj-ruta. Tiu fako estas ekonomie fragila - 350 milionoj da frankoj por ĉiujara helpo - sed ĝi forigas unu milionon da kamionoj el la aŭtoreto.

Pri la pasaĝeroj la ĉirkaŭurba fervojo estas favora por SNCF ĉar ekzistas ne uzataj trakoj kaj stacioj. Krome, la stacioj devas iĝi interfakaj kun akceptoservo, fako pri informado, biletvendejo kaj korespona trafikorganizo.

(El la Revue générale des chemins de fer)

Tradukis Georges Mazaud.

## Fervoja Koresponda Servo

S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu, se eble, internacian respond-kuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝt-markojn vendeblajn en Rumanio.